# PENSEO

N-ro 216

okt. / 2009

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 20-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Wang Guozhen (1956-)

### Am' al Vivo

mi ne pensas pri mia sukces'
direktante min al celo en la foro
mi nur spite iru sen ajn ĉes'

mi nek pensas, ĉu mi gajnos ŝian amon
ĉar mi korinklinas al rozfloro
mi kuraĝe verŝu mian sincergamon

mi nek pensas, ĉu atakas pluvo frida
ĉar mi celis al la horizonto
mi antaŭeniru nur kun vol' decida

mi nek pensas, ĉu ebenas aŭ zigzagas la futuro
ĉar mi amas vivon
ĉion regos mi kun prikalkulo

### Pripenso

mi ne scias
ĉu mi amas vin
se jes
kial jam okazis tia disiĝ-fin'

mi ne scias
ĉu de longe mi ne amis vin per ĉas'
se ne
kial rememoro ne forfluis
kun temp-pas'

kiam ridmienas vi en mia mens'
mia koro ondas kun tang-sku'
bedaŭrinde ĉio
jam fariĝis pasinta pens'
nur ĉarmplenaj noktoj
jen fascinas ĉiam kun intens'

### Nefortondebla Amsento

mi volus per vojaĝ'
forgesi vian belan okulparon
fortondi kun kuraĝ'
fadenojn de l' amsento
kaj triston neblovitan eĉ de
ventsovaĝ'

sed ekster mia prikalkul' nun
river' kaj mont' neŝanĝaj restas
senŝanĝa restas ankaŭ l' am'
figuro via
sin trudas antaŭ min ĉiam



### Ĉu

ĉu vi min jam forgesis
alie, kial sen informiĝo
ni loĝas unu de alia

ĉu vi jam min trezore kaŝis
alie, kial via ridmieno mian sonĝon
ornamas jen per belaj revoj

ĉu nia amligiĝo
ja estas du polusoj
neniam renkonteblaj

ĉu destinitas ni disiĝaj
dronigos jaroj
nin per ĉagren' kaj doloro

## Se Vi Ne Sufiĉe Ĝojus

Se vi ne sufiĉe ĝojus
Ne kunŝovu brovojn triste
Homa vivo kurtas
Kial varti amarecon

jen malfermu longe ŝlositan pordon
lasu lumon regi en angulo ĉiu
iru al la stepo de la vivo
lasu venton gladi vian frunton

la vastec' dilui triston povas
malhelan koloron povas kovri l' helan



## Memamo

deprimiĝi vi havas motivon nenian
jen por vi aŭtuno
vagas sencele

nek motivon fieraĉi
por vi jam printempo
levas sian kapon

vid' aŭtuna ol la primavera ne pli belas
nek printempa lum' pli ol l' aŭtuna helas

## Pensado

**surskribo al ole-pentraĵo**

nur sola silenta profilo
sufiĉas fasini la tutan planedon
ne nur pro beata figuro
ne nur pro kvieta trankvilo
sed ankaŭ pro komunikemo
sed ankaŭ pro revelacio
kaj ankaŭ pro tio, ke kiel moderna virino
ŝi diras al ni nun—
silento ja estas belaĵo



## Malkaŝemo estas Bonvirto

el okuloj viaj
mi vin bone legas
el paroloj miaj
vi komprenas min
implicito estas karaktero
malkaŝemo apartenas al bonvirto

oh, ne diru al mi
ke okuloj nure
estas refraktado de la koro
se ne estus lingvo
ni sin trovus en soleco
nur rikoltus silentemon…



# Maldensaj Nuboj Naĝas Glate

am' fariĝu ne malliberita
por plezuro via
onin ne senigu vi je libereco
neakireblaĵ' plej bonas
decas ne troaĵo por ĝuado
multo kaj malmulto ambaŭ ĝenas
fluas lirle la river' aŭtuna

maldensa nebulo
maldensa pluvo
maldensaj nuboj naĝas glate



elĉinigis **Lily**

# Ĉineske

## Guozhu (Ĉinio)

### Renkonte al la 60-jariĝa Jubileo de Nacia Tago

— laŭ ĉinesko Qinyuanchun*
(2009-10-01)

Okazas jen/ grandaj ŝanĝoj/ en Ĉinio
en la pasinta/ pli ol unu/ jarcento de/ historio.
Multe peze/ suferinta/ nia ĉina nacio
vekiĝis / fine post longa/ letargio!

Ankoraŭ misio
por nova/ generacio.
Unuanime/ ni luktu kun/ ĉiam vigla/ energio.
Dank' al nia/ pen' aperu/ ideala socio.
Vivu la/ mondo en granda/ harmonio!

** Qinyuanchun (Printempo en la Ĝardeno Qin): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 13 versoj de 444,5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimaranĝo xxa,xxxa,xxa,xxa / a,xa,xxxa,xxa,xxa (x = senrima)*

## Eto (Ĉinio)

### Omaĝe al Nova Ĉinio

okaze de la 60-a Nacia Tago
—laŭ ĉinesko Manjianghong*

mizerplena
nacio
en orient'
vivaĉis
hundsimile
sub la turment'
de diversaj potencoj
suferis de okcident'
laŭplaĉan
buĉadon disen
sen prudent'

sed nune
ĉina gent'
kolose
kun ferment'
de sinergio
kaj kompetent'
diras "ne" al fremduloj
kun brila inteligent'
konstruas
memstare penas
sen ajn pent'

2009-10-01



## Su Shi (1036-1101)

### Demando sub la Luno

— laŭ ĉinesko Shuidiaogetou*

Kiam ekestas/ la luna helo?
kun glas' mi demandas/ al la ĉielo.
Kiujare, mi ne/ scias, nun estas en/ ĉiel-kastelo?

ĉu tie, alte,/ nun regas gelo?

Ho, kiom/ sorĉas la/ lunhelo!
Mi flugu al/ la palac' de fabelo!
sed mi ankaŭ timas/ ke min turmentas la/ frosta kruelo.
Restu mi tere/ Dancu sub stelo!

Nun prilumas ĝi/ al pord-kurteno,
super pavilono, / al hom' en ĝeno
de la sendormeco./ Ne bedaŭru: kial/ rondas en pleno
la luno ĉiam/ je disiĝ-spleno?

Lun-fazoj/ kaj homa/ ĉagreno
ekde pratemp'/ ripetiĝas en ĉeno.
Ke ni kune ĝuu/ lunon trans foro en/ anim-sereno,
jen mia kora/ sincera beno!

**Shuidiaogetou (Preludo de Akva Melodio): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 9 kaj 10 versoj respektive de 55, 65, 665, 55/333, 47, 665, 55 silaboj laŭ rimaranĝo de xa, xa, xxa, xa / xxa, xa, xxa, xa (x = senrima)*

ĉineskigis **Guozhu**

## Guozhu (Ĉinio)

### Mezaŭtuna Festo

—laŭ ĉinesko de Renyueyuan*
(2009-10-03)

Leviĝas la luno el/ surfaco mara,
en la mezo/ de aŭtuno /ĉiujara.

Sub la brilo/ de arĝenta/ rondo klara,
geamatoj/ siluetas/ ĉie para.

**Renyueyuan (Rondiĝo de Luno kaj Homoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj de 5 kaj 6 versoj respektive de 75,444 / 444,444 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xxa / xxa,xxa (x=senrima)*

## Cindy Mckee (Usono)

### Duno

—-laŭ ĉinesko Heshengchao*

I.

Li paŝas en aŭtuno.
Blovis fortuno
dum printempa freŝeco
dum alta suno

Li memoras.
Dum vivbruno
dum alta luno.
Kie staris verdeco
sterniĝas duno

II.

Li konstruas en nuno
aĵon de tuno
lerte, de la sableroj,
de oportuno

Li enverŝas
en sablkuno
akvon. Laguno
kreita, dum la vintro
lanĉiĝas skuno

**Heshengchao (Gratulo al Sankta Dinastio): Ĉina fiksforma poemo el du strofoj 4 kaj 5 versoj respektive de 7,5,75 / 44,5,75 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xa,a,xa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_